

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 5 N-ro 2 (17) junio de 2006

NOVAĴO

**La 3-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazota en la 91- a UK**

La estrara kunveno de UEA okazita en la fino de marto, 2006, akceptis la proponon pri okazigo de la 3-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj en la 91-a UK. Rutine prezentiĝos Jara Raporto de la Projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2005 kaj aliaj rilataj prelegoj aŭ spertoj. Vi anticipe kontaktu sinjorinon Maritza se vi volas prezenti vin, ĉar la kunveno-tempo estas lima. (la komisiito)

**La kongreso-urbo de la 91-a UK kun 19 ĝemelaj urboj**

Giorgio La Pira estis la unua urbestro de Florenco subskribi Interkonsenton de Ĝemela Urbo en 1954. La franca urbo Reims fariĝis la unua ĝemela urbo de Florenco. De tiam ĝis nun Florenco krom Reims jam ĝemeliĝis kun Aaiun (Araba Demokratika Respubliko de Saharo), Asmara (Eritrio), Dresden (Germanio), Edinburgh (Britio), Esfahan (Irano), Fes (Maroko), Kassel (Germanio), Kiev (Ukrainio), Kyoto (Japanio), Kuvajto (Kuvajtio), Nanjing (Ĉinio), Nazareth (Israelo), Philadelphia (Usono), Riga (Latvio), Salvador Bahia (Brazilo), Sydney (Aŭstralio), Tirana (Albanio) kaj Turku (Finnlando). La kongreso estos pli riĉa se esperantistoj en la ĝemelaj urboj povas partopreni la Florencan UK aŭ sendi gratulajn mesaĝojn; La kongreso estos pli signifa se la samideanoj en la ĝemelaj urboj povas informi la urbestrojn pri la okazo de la Florenca UK kaj instigi ilin persone ĉeesti aŭ sendi bondezirojn al la urbestro de Florenco.

**La Esperantlingvan delegacion akceptis la urbestro**

En aprilo esperantlingvan delegacion (4 personoj) el Góra, la pollanda ĝemelurbo de Herzberg, el Armenio, Benino, Brazilo, Nederlando kaj Ukrainio kaj surlokaj Esperanto-geamikoj akceptis Gerhard Walter, la urbestron de Herzberg, kiu iniciatis la projekton "Esperanto kiel pontlingvo por la civitanoj de la ĝemelurboj Herzberg am Harz kaj Góra en Pollando". Je la 19a de aprilo 2006 aperis pria artikolo en Harzkurier sub la titlo "Internationale Begegnung im Herzberger Rathaus". Fotojn kaj artikolon bv. rigardi ĉe: http://fotos.web.de/interkultura-centro/PSI-Studsesio (raportis Petro Zilvar, Zsofia Korody, Otto Kern, Marika Frense)

**Aperis speciala numero pri internacia influo**

La Revuo Orienta estas monata organo de Japana Esperanto-Instituto. Sinjoro HORI Yasuo, la redaktoro, iniciate prenis ĉi-jaran n-ron 4 kiel specialan numeron pri internacia influo. En ĝi vi povas legi kelkajn artikolojn pri ĝemelaj urboj. Ili estas "La Esperanto-movado kaj ĝemelaj urboj" (Wu Guojiang), "Niaj agadoj koncerne al ĝemelaj urboj" (NAKATU Masanori), "Amikeco trans limoj" (ITABASHI Micuko), "Okazo de Esperanto-kongresoj por Kobe" (NAKAMITI Tamihiro) ktp.

**Pekino kaj Londono establis interrilatojn de ĝemelaj urboj**

La 10-an de aprilo, Wang Qishan, urbestro de Pekino, ĉefurbo de Ĉinio, kaj Ken Livingstone,

urbestro de la brita ĉefurbo Londono subskribis en Pekino interkonsenton pri establo de interrilatoj de ĝemelaj urboj. Ili diris, ke ili kunlabore propagandos kaj diskonigos la du internaciajn urbojn.

Livingstone diris, ke Pekino estas ĉefurbo de lando kun la plej rapida ekonomia kresko de la mondo, kaj Londono estas avangarda en servado de financo kaj komercado. Li esperas, ke tiu interkonsento efike akcelos la du urbojn fariĝi pli intimaj komercaj partneroj, profundigi reciprokan komprenadon pri la respektivaj kulturoj per interŝanĝo en kampoj de turismo, edukado k.t.p.

Do en ambaŭ urboj troviĝas delegitoj de UEA kaj lokaj Esperanto-organizaĵoj, nome, Pekina Esperanto-Asocio kaj La Londona Esperanto-Klubo. Ni esperas, ke la esperantistoj de ambaŭ urboj povu kapti ĉi ŝancon kaj per Esperanto fari kontribuon al diversaj interŝanĝoj kaj kunlaboro inter du flankoj.

**NOREK planas kunagi kun ĝemelaj urboj**

Seatla Esperanto-Societo festos sian centjariĝon dum la la tria semajno de septembro, kaj gastigos Nord-Okcidentan Regionan Esperanto-Kongreson (NOREK) inter la 22-a kaj 24-a de septembro 2006. La 21-a de septembro estas la oficiala "Internacia Tago de Paco" de la UN, kaj estas planoj starigi Pacofosto(j)n kunage kun la ĝemelaj urboj ĉirkaŭ la mondo. Pli da informoj estas akireblaj ĉe Ros' Haruo (lilandbr@scn.org) kaj la ttt-ejo: http://www.seattleesperanto.org

## URBA STILO KAJ TRAJTO

**Urba historio**

Dalian urbo, la dua granda urbo de la provinco Liaoning kaj unu el la fruaj pordmalfermaj urboj, situas en la suda pinto de la orienta Liaoning duon-insulo kaj ĉe la startpunkto de la Ĉirkaŭ-Bohai Mara Regiono, kun tuta areo de 13.800 kvadrataj kilometroj kaj 5,9 milionoj da popolo. Civilizacio komencis en la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo almenaŭ antaux 17.000 jaroj. Dalian Porto estas mondfama profunda kaj ne-frostiĝa kun pli ol 70 ankrejoj, inkluzive 40 kun pli ol 10.000 tunoj.

Dalian havas riĉan naturan fonton kaj longe havas reputacion de "Pomo-lando" kaj "Bazo de Akvoproduktaĵo". Kiel grava industria bazo de Ĉinio ĝi havas kompletan industrian sistemon, inkluzive de ŝipo-faro, maŝino, elektro, petrokemio, tekstilo, vestaĵo, kaj metalaj materialoj, manĝaĵo-prilaboro kaj farmacia industrio.

Dalian estas fama turisma urbo kun belaj scenejoj kaj agrabla medio, kiu dorsas al montoj kaj alfrontas maron, la jara averaĝa temperaturo estas 10° Celsio. La averaĝa pluvofalo estas 700 mm, do ĝi estas nek ekstreme malvarma en vintro, nek trege varma en somero,. Ĉiujare nombroj da vojaĝistoj tie trasomerumas. Dalian Internacia Kostuma Festivalo ankaŭ allogas mil kaj mil da turistoj, inkluzive gravajn ĉefojn de ŝtatoj aŭ estrojn de registaroj el Rusio, Germanio, Japanio, Singapuro, Bulgario kaj Indio. Multaj internaciaj figuroj kiel Kissinger, eks-sekretario de ŝtato de Usono, Gali, la antaŭa ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, Samaranch, la eks-prezidanto de Internacia Olimpika komitato estis fariĝantaj honoraj gastoj de Dalian, ambasadoroj al Ĉinio de ĉirkaŭ 100 landoj estis restantaj siajn piedsignojn en Dalian.

**Esperanto-movado**

En la 6-a de julio 1986 fondiĝis Dalian Esperanto-Asocio (DEA). Ĉi-jaro estos la 20-a datreveno de DEA. Amaso da esperantistoj aktivas en la urboj. Esperanto-kursoj estis funkciigitaj en kelkaj universitatoj, ekzemple, Dalian Natur-Scienca kaj Teknika Universitato, Dalian

Universitato, Dalian Insitituto de Fremlandaj lingvoj ktp. Precipe en Dalian Universitato kie de pli ol 20 jaroj Esperanto kiel nedeviga studobjekto estas instruata, tio signifas, ke ĉiujare kelkaj dekoj da esperantistoj venas el tiu universitato.

**Ĝemeliĝaj urboj**

Dalian estis larĝiganta rilaton kun fremdaj landoj. Ĝi ĝemeliĝas kun Houston (Usono), Auckland (Usono), Vancouver (Kanado), Maizuru (Japanio), Kitakyushu (Japanio), Inchon (Koreio), Vladivostok (Rusio), Bremen (Germanio), Rostock (Germanio), Le Havre (Francio), Glasgow (Britio) kaj Pointe Noire (Kongo). DEA tenis kontakton kun Esperanto Grupeto de Le Havre kaj Esperanto-Asocio de Kitakyushu, kaj starigis amikecan rilaton ankaŭ kun Esperanto-Asocio en Fukuoka (Japanio).

INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Karl-Heinz Kersting 1924-2005**

En la 15.10. 2005 ni ricevis malgajan mesaĝon de Paula, edzino de Karl-Heinz Kersting: "Karl-Heinz forpasis 13.10.2005". Ilia familio havas filinon kun du filoj kiuj loĝas en Munkeno. La gepatroj ofte vizitis la filinon kaj Karl-Heinz skribis pri ilia vivo al ni.

Karl-Heinz naskiĝis je 18.10.1924 en suda Germanio, sed dum sia laborvivo li loĝis en Essen, kie li ankaŭ restis kiam li pensiuliĝis. Nia korespondo komenciĝis jam antaŭ 24 jaroj, Mi ricevis la unuan leteron 1.12.1981 kaj la lastan 7.8.2005, kun kio venis foto pri li kaj lia edzino Paula. Li skribis jam en pasinta vintro ke li fartas bone sed dum la somero lia sano pliboniĝis kaj li faris kelkajn vojaĝojn en Germanio. Ili ofte vizitis ripozlokon ĉe Bodensee kiu estis la hejmvilaĝo de Paul.

Esperanton Karl-Heinz komencis studi antaŭ kelkaj jaroj, antaŭ ol nia korespondo komenciĝis. Bone kaj rapide li progresis kaj skribis al ni multegajn sciojn kaj historiojn el Essen. Preskaŭ 20 artikolojn kaj kurtajn tekstojn ni publikigis en nia klubgazeto Vekilo. Unue li skribis ke li ne estas skribanto sed interese li skribis. Tial ni diris ke li estas nia "ĉefdelegito" en Essen.

En la jaro 1980 mi komencis serĉi kontaktojn el ĝemelurboj de Tampere, kiuj tiam estis dek. Tuj mi ricevis kelkajn respondojn, ankaŭ el Essen. Sed la korespondantino estis jam 92-jara sinjorino kiu skribis belskribitan leteron kaj bedaŭras ke ne povas helpi. Sed de la delegito de Duisburg mi ricevis tri nomojn kaj mi hazarde elektis Karl-Heinz. Essenanoj ne konis unu la la aliajn.

Karl-Heinz entuziasme komencis uzi Esperanton, legis multe kaj parolon li ekzercis kun Duisburga Esperanto-rondo. Dum la Karl-Heinz-tempo en Essen ne agadis Esperanto-klubo, li estis sola esperantisto tiam, tial li ne estis klub-aktiva, partoprenis nur klubvesperojn en Duisburga Klubo. Poste li ankaŭ prelegis tie. Unu lia temo estis Kalevala, finna epopeo, kun kio li bone konatiĝis. Laŭ li estis ege grave ke li devas studi kaj uzi paroli Esperanton.

Hazarde li estis ĵus leginta la finnan "Sep fratoj" de Aleksis Kivi, kiam li ricevis mian petleteron en la jaro 1980. Li multe aŭskultis Esperanto-radiojn kaj skribis se li aŭdis ion kio eble interesas min.

Li laboris en fervojo kaj ofte estis for de Essen, tial li ne bone konis la urbon. Sed li komencis konatiĝi kaj studi en Essen kaj skribis pri multaj interesaj temoj. Ekz. Pri Ruhr-regiono kaj baldaŭ finiĝis. Nur parto de ili restis por muzeo. Unu interesa temo estis "Bovino-hotelo" (Kuhhotel), "laktofabriko". Li skribis pri iu nekutima tekniko kiel prizorgi la akvoproblemon en la urbo. Urban trafikon li bone prezentis, kiel kelkaj aŭtobusoj uzas straton kaj relojn. Kaj pri multaj aliaj

interesaj aferoj li skribis kun multaj bildoj. Tagajn aferojn li ofte klarigis per tagaj gazetoj el kiuj li tondis el tondaĵojn, tradukis kaj sendis kun la leteroj. Ĉiuj gazetaj novaĵoj aŭ artikoloj kiuj pritraktis Tampereajn aferojn Karl-Heinz klarigis kaj sendis eltondaĵojn pri ili al mi.

Essen estas konata urbo de Lumfesto, ĉiujn aŭtunojn essenanoj povas vidi novajn lumfigurojn. El Essen Tampere ricevis la unuajn figurojn kaj komencis ankaŭ organizai aŭtunan lumfeston. Ĉiun jaron Karl-Heinz sendis al ni eltondaĵojn kaj bildojn pri la lumfesto kaj ni havis eblecon publikigi tiujn en Vekilo.

Karl-Heinz studis ankaŭ Esperanto historion de Essen, iomete skribis ankaŭ al ni. Dum 1950-aj jaroj en Essen estis granda kaj aktiva grupo. Karl-Heinz reklamis Esperanton ĉiam kiam eblis i.a. en lokaj gazetoj.

Finnlando interesis lin multe, li aŭskultis finnan germanlingvan radioelsendon. Speciale Karl-Heinz sekvis kiam Aalto-teatro estis konstruata kaj sendis eltondaĵojn al ni. Multajn eltondaĵojn ni ricevis kiam la teatro pretiĝis kaj estis granda jubileo kie ĉeestis la finna prezidento Koivisto. Post kelkaj jaroj li sendis al ni plurajn afiŝojn pri la teatraĵoj de Aalto-teatro.

Familio Kersting ofte vizitis Aalto-teatron por rigardi ĝiajn prezentadojn. Ankaŭ ili ĉeestis se finnaj orkestroj vizitis la urbon.

Somere en la jaro 1985 ni, mi kaj mia edzino, faris aŭtovojaĝon per propra aŭto al la Augsburga UK kaj hejmrevene ni vizitis la hejmon de la familio Kersting. Tiun viziton ni varme rememoras. Karl-Heinz gvidis nin en la granda urbo, elektis kelkajn objektojn kiujn li povis montri al ni. Unu grava objekto estis la granda urba oficejo, kie ni havis specialan gvidantinon. Tie ni rajtis viziti Tampere-ĉambron kie estas granda murtapiŝo, donaco de la urbo Tampere.

Karl-Heinz ne ŝatis grandajn kongresojn kiel universalaj Kongresoj, tiel li ofte partoprenis SAT-kongresojn. En SAT-kongreso en Linz (1990), nia ĝemelurbo en Aŭstrio, Karl-Heinz skribis al ni, ke li salutis la urbon en nia nomo, li diris: "Kiam mi rakontis al miaj amikoj en Tampere, ke mi veturos al Linz ili petis min saluti la enloĝantojn de sia ĝemelurbo" Urbestro dankis kaj diris ke ĝuste nun vizitas la vicurbestro en Tampere.

Ofte li partoprenis Malfermajn Tagojn en Centra-oficejo de UEA en Roterdamo.

En la jaro 1991 por danki Karl-Heinz pri lia Tamperea reklamo en Essen, ni invitis lin al Tampere, tiam okazis Aŭtunaj Tagoj de la finna centra Esperanto-organizo. Sekvan nian seminarion kies temo estis ekzerci venontan kongreson 1995.

Dum la kongreso Karl-Heinz laboris, deĵoris kun helsinkano por helpi la praktikajn aferojn de la kunveno, en la ĉambro "Hodler" kie kunvenis i.a. Komitato de UEA kaj aliaj gravaj kunvenoj. Lin ege interesis la organizlaboro de UEA.

Post la kongreso Karl-Heinz restis kelkajn tagojn en Tampere kaj ni dume faris ekskurson al la kamparo.

Nuntempaj aferoj kaj teknikoj multe interesis Karl-Heinz. Komence de la jaro 1990 li aĉetis komputilon kaj rapide studis uzi ĝin, i.a. li uzis diversajn liter-tipojn. Komence de la nova jarmilo li aliĝis al interreto kaj la lastajn jarojn ni interŝanĝis ofte retpostaĵojn.

Supre estas multaj kontakt-temoj kun Karl-Heinz kaj ni, sed ege multaj restis for. Kelkajn eblas legi en nia klubgazeto Vekilo en la numeroj dum la jaroj 1982-2005.

Ni tampereanoj funebras pro la foresto de nia amiko kaj ĉiam memoras lin.

Ni esperas ke la edzino kaj familio de la filino havas fortojn vivi sen edzo kaj avo.-- verkis **Veli Hämäläinen** el Tampere

**"PONTOJ" - notoj pri nia vojo al tiu ĉi projekta rezulto**

Vi jam kelkfoje menciis mian projekton PONTOJ, do nur la "kukon" (kun gratuloj pri ties bona gusto), sed ankoraŭ ne la "recepton" (kiu ebligus studi la vojon al tia rezulto). Do unue iom pli pri PONTOJ, kio ĝi estas, kaj poste kiamaniere ni trafis tiun ĉi rezulton.

Ni nomas ĝin: "Interurba informilo en la internacia lingvo Esperanto". Kaj ĝi konsistas el kontribuoj de Esperantemuloj en la partneraj urboj de Hildesheim - 100.000 enloĝantoj - (Germanujo): Angouleme (Francujo), Gelenĝik kaj Rostov/Don (Ruslando), Weston-super-Mare (Britujo), Pavia (Italujo) kaj Halle (Germanujo). La redaktado en mia mano, la unua kajero (24 paĝoj A 4) aperis en januaro 1993, la sepa (80 paghoj A 4) en decembro 2003; ni preparas nun la okan eldonon - sed pro plimaljuniĝo de la geamikoj en la partneraj urboj kaj pro - en la forkuro de la jaroj - neeviteblaj ŝanĝoj en la kontribuantaj grupoj certe ankaŭ nia projekto eniros novan fazon de sia vivo.

Nun, la ideo al tia projekto ekvivis en 1992. Sed ĝi kreskis sur bone preparita grundo. Kiam en 1965 Hildesheim kaj Angouleme ĝemeliĝis, mi tuj kontaktis la tiean UEA-delegiton kaj ties grupon, inter ili instruistinoj; ili estas miaj geamikoj ĝis hodiaŭ. Ni kune aranĝis interŝanĝon de gejunulaj grupoj en 1966, 1967. Poste mi vizitis Angouleme kelkafoje, kun mia familio, kun koruso, kun urba grupo...

Angouleme jam antaŭe estis ĝemeliĝinta kun la rusa urbo Gelenĝik (Nigra Maro). Kaj floris kontaktoj inter la Esperantistoj de ambaŭ urboj. Mi trovis rilaton al la Gelenĝika grupo, vizitis ilin en 1989, prenis multajn fotojn de tie. Reciprokaj vizitoj sekvis, plej ofte enkadre de la interŝanĝaj vizitoj, kiujn organizis la urba buroo, kiu respondecas pri la interurbaj rilatoj. La samo validas ankaŭ por la rilatoj al Weston-super-Mare, Rostov/Don kaj Halle. La rilato al Pavia ekfloris en postaj jaroj, nur kiam tie ekvivis Esperantista grupo.

Resumo 1: privataj interpersonaj kontaktoj kaj vizitoj, kun vigla interŝanĝo de leteroj k.t.p. estis - laŭ mia pritakso - grava antaŭkondiĉo por nia projekto.

El tiu ĉi situacio naskiĝis la ideo, peti niajn Esperantistajn partnerojn kontribui al komuna revuo, por kiu ni elektis la nomon "PONTOJ". Mi proponis temojn: prezenti la propran urbon, muzeojn, kulturajn eventojn, vivkondiĉojn, regionajn sagaojn, legendojn, mitojn; la temon: "Se vi vizitus min, mi montrus al vi...."; la temon "Akvo" - kaj raportojn pri vojaĝoj, receptoj el nia kuirejo, k.t.p. Mi muntis ĉion sur mia skribotablo, kopiis kaj dissendis mem (la unuajn tri kajerojn); la legantoj kontribuis al la kostoj. Estas notinde ankaŭ, ke mi en 1992 pensioniĝis kaj do havis sufiĉe da libera tempo por tiu ĉi projekto.

Kaj kiam Gelenĝika asocio en 1991 petis ĝemelan interrilaton kun Hildesheim, miaj fotoj de 1989 estis bonvena informo por la decidantoj en nia urbodomo. Ek de tiam mi multe kunlaboris kun la urba instanco, partumis en la laboro de apartaj asocietoj, kiuj fondiĝis por subteni la urbon en la vigligo de la unuopaj interurbaj rilatoj. Sed, grave, mi ne faris tion kiel Esperantisto. La rilatoj al la partneraj urboj kutime ja estas unudirektaj; la rilaton al Gelenĝik prizorgas grupo, en kiu kunlaboras homoj, kiuj regas la rusan lingvon; al Angouleme - ho, tiom da amantoj de la franca lingvo en la koncerna grupo; samo validas por la rilato al Weston-super-Mare kaj Pavia, la angla kaj la itala lingvoj regas tiujn interrilatojn. Sufiĉe da amantoj - ne nur ŝatantoj - de la specifaj lingvoj, landoj kaj kulturoj estas disponeblaj - tamen, la lingvoj restas komunikiloj, ne la celo de la interkonatiĝo.

Mi helpis por organizi kaj aranĝi laŭ peto de la urbo informajn foto-ekspoziciojn, kiuj montru al la Hildeshejma loĝantaro la vizaĝon de la partneraj urboj. Kiam mi - porekzemple - partumis

vojaĝon de mia koruso al Pavia, mi petis la korusanojn, foti tiun urbon - poste mi kompilis ekspozician aranĝon en la urbohalo. La urbo sendis min al Pavia, por tie perfote prezenti nian urbon. k.t.p. Intertempe okazis 7 tiaj ekspozicioj. Dum pli ol unu jaro mi - denove laŭ peto de la urbo - dediĉis multe da mia tempo al kompilo kaj redakto de ampleksa broŝuro pri la partneraj rilatoj. Dum tiu ĉi periodo mi renkontiĝis kun tiom da iniciatoj kaj projektoj en nia urbo, kiuj ĉiuj zorgas pri interurbaj, transnaciaj, transkulturaj rilatoj: lernejoj, asocioj kaj societoj ĉiuspecaj, korusoj, eklezioj, entreprenoj k.t.p.. Mi lernis modeston - rilate al la kontribuo de nia malgranda Esperanto-grupo al tiu alta komuna celo de interurbaj rilatoj. Tamen, ĝuste pro mia ne-esperantista helpa kunlaboro en la urbaj projektoj oni alte agnoskis ankaŭ tion, kion ni sukcesis kontribui pere de Esperanto al tiu komuna paciga laboro. Se mi estus prezentinta min nur kiel Esperantulo, certe PONTOJ neniam estus ricevanta ian urban subtenon (rajton por kopii la sekvajn eldonojn en la urbodoma presejo, ekspedadon, enkondukajn salutvortojn de urbaj oficistoj, en la lasta eldono eĉ de la urbestro; monan subtenon de la urba ŝparkaso - ĉar mi aranĝis en la halo de la ŝparkaso grandan ekspozicion por festi la 30-jaran daŭron de la rilato al Angouleme). Aŭtomobila firmao subtenis per mono, ĉar la ĉefo de la firmao kaj mi kunlaboras en estraro de "Asocio de amikoj" de granda hejmo por handikapuloj.

Resumo 2: La disvastigo de Esperanto kiel efika komunikilo estas nur flanka celo enkadre de la pligranda primara celo, al kies realigo Esperanto estis kreita: interkonatiĝo, interkompreniĝo, interpaciĝo de ni homoj. Do ni ne estu blindaj por la multaj jam sen Esperanto ekzistantaj iniciatoj, en kies alcele orientita agado la koncernaj lingvoj nur rolas kiel komunikiloj. Partumi en la realigo de la primara celo devas havi altan rangon ankaŭ por ni, kiu aprezas Esperanton. Paŝoj al la celo realiĝos ne precipe pro la ila lingvo, sed pro la sinceraj intencoj de homoj, transiri la limojn en siaj kapo kaj koro. Kompetentuloj pri interkulturaj aferoj ja spertas kaj asertas, ke lingvo per si mem (eĉ ne la nura kontakto) ankoraŭ ne degeligas tiujn limojn. Do ni ne tropostulu kaj troŝarĝu nian karan lingvon Esperanto. Akiro de interkultura kompetenteco estas aparta aldona tasko, ne identa al la lernado de lingvo, eĉ ne de la lingvo Esperanto.

Pere de siaj kontribuoj al PONTOJ aro de "interurbanoj" interkonatiĝis; ili estis instigataj al reciprokaj vizitoj, lernis pri kelkaj facetoj de la aliulaj vivo, kulturo kaj pensado; kelkaj el tiuj amikecaj rilatoj jam vivas dum respektinda tempo, aliaj estis kvazaŭ nur tuŝantaj kontaktoj, sed tamen bonvenaj kaj informaj. Ŝanĝo ja estas la principo de la vivo; tio ankaŭ validas por tia projekto, kia PONTOJ estas.

Mi provis montri al vi la vojon, kiun ni iris kaj iras en nia projekta laboro. Estas nia loka recepto, kaj ĝi certe ne taŭgos por nura kopiado. Sed eble vi ja povis preni kelkajn instigajn, kuraĝigajn "recepterojn" - por via propra agado. - Mi dankas pro via atento. -- **Hans Fechler** ( h.fechler@arcor.de ), Hildesheim, 20.1.2006

## SERVA PLATFORMO

Rumonge volas ĝemeliĝon

Rumonge kun ĉirkaŭ 50.000 loĝantoj situas en la sud-oriento (de Burundio), ĉe la limo de Burundio, Kongo kaj Tanzanio. Ĝi estas en la provinco de Bururi, je 72 km de la ĉefurbo Bujumbura, apud la lago Tanganyika. Tie 300 lernas Esperanton. Tamen Rumonge ne havas ĝemelajn urbojn en aliaj landoj, kaj tiea E-organizaĵo ne havis kontakton kun aliaj samideanoj. Ili volas havi ĝemelurbojn, kontaktu Sabiyumva Jeremie <jerrybs21@yahoo.fr>. Ni detale prezentos tieajn religion, ekonomion, turismon, E-movadon ktp en la venonta numero.

